# Aŭstraliaj Esperantistoj

**Novaĵa Letero** de **Federacio de Aŭstraliaj Esperantistoj**

NI SENDAS AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KUN KONATA RETADRESO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

auto 26/10/2012   Okdekdua Eldono 2012   26/10/2012 SENDITA

Tiu ĉi letero havas "hiperligilojn" al retpaĝoj   KLAKU!  KLAKU!  KLAKU!

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rspring@tpg.com.au;

Provlegita de Nicole Else

La informa kaj noma paĝoj nur aperos en la dekaj eldonoj

## GRAVAJ DATOJ vidu Tamen Plu de Bob Felby

Se vi ne ricevas Tamen Plu de Bob Felby aŭ Australiaj Esperantistoj, aŭ ricevas dufoje, informu AE.

**Kiam oni ne informas, onidiroj plenigas la mankon da informado**

**Skribu, informu 198 retadresaranojn de AE pri viaj novaĵoj**

## Parto kun hiperligiloj

## Klaku!  KLAKU!





**AŭSKULTU, LEGU ESPERANTAN RETRADION TAGE** Informaj rakontetoj, Bona lingvo, Malmultaj minutoj. Plibonigu vian Esperanton

http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html




## *Pri 3ZZZ*

Profitu de tiu ebleco. Aŭskultu Esperanton kie ajn vi estas, eĉ veturante per MP3.

Se la elsendoj plaĉas al vi kaj se vi deziras ke ili daŭrigu, membriĝu .

La kotizo kostas $15 jare.  Por posedantoj de «concession »karto kaj maljunuloj $10

La jaro komenciĝas je la tago de la pago.

Aŭdeblas la voĉo de Alan Bishop, Karl Egger, Laszlo Farkas, Franciska Toubale kaj de multaj intervjuitoj

*La komitato de la Esperanto-grupo en 3ZZZ.*

**Karlo Egger, Laszlo Farkas, Bernie Heinze, Franciska Toubale**

Ĝi kontakteblas je stevskank@hotmail.com

Dankon pro via subteno, Franciska Toubale

# KLUBNOVAĴO







La Manlia Esperanto-Klubo kunvenos la 3an de Novembro. Ĉiuj bonvenaj. Unu taso da senpaga kafo.



EFNSK Jarkunveno en Esperanto Domo
dimanĉon la 28an de oktobro 11atm ĝis 12 ptm
BBQ lecionoj filmetoj sekvos je 12ptm ĝis proksimume 4ptm
Ĉiuj bonvenaj



## Central Coast Esperanto Club

kunvenos Sab 2ptm 10 Nov 2012 Bamboo Buddha Café
221 Wattle Tree Road, Holgate NSW 2250

## Ĉu via klubo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Skribu al AE rspring@tpg.com.au
Sendu desegnon aŭ foton taŭgan por via grupo kun malgranda raporto



## Ĉu Aŭstralio havas nur 3 aktivajn klubojn?

# MI NE KREDAS TION!

## Do, metu vian klubon ĉi tien



AEA tutaj havaĵoj 30 Jun 05 $321,877.35c kaj 30 Jun 12 $200,281.87c vidu AE76 AE77

# AEA Informas

**AEA estraro kunvenis 11/10/12 vidu AE79**

# Alida Leereveld Naŭdek Jara



### Naskigxdaton de Alida Leereveld

La 30$^{an}$ de oktobro estos la 90$^{a}$ naskiĝdato de Alida. Ĉiuj el ni en Viktorio gratulas ŝin kaj esperas ke ŝi daŭre ĝuos bonsanon.

Alida estas membro de nia klubo, dum pli ol kvindek jaroj, Ni festos la eventon dum la Zamenhofa Festo la 15an de decembro, 2012.

Esperanto-Federacio de Viktorio

ESPERANTO 125 1887-2012

# INVITO al la

# ZAMENHOFA FESTO

La Esperanto Federacio de Viktorio invitas vin

celebri la naskiĝdaton de Dr. L.L. Zamenhof

kaj

la 125an datrevenon de la publikado de Esperanto

kaj

la 90 an naskiĝfeston de Alida Leereveld

Festmanĝo okazos la 15an de Decembro 2012

ĉe "La Notte" restoracio,

140 Lygon Street, Carlton.

Horo : 6.00 ptm

Kosto : $15

Informu Heather je: (03) 9525 4295,

**poŝtelefono**: 0419 895 934

retadreso: heather@melburno.org.au

# LETEROJ mallongaj de la legantoj




Malpli ol duona paĝo



Bela foto. (AE 81) 2 jarojn antaŭ ol mi komencis lerni Esperanton! Tamen, mi rekonas: Marjorie Duncan, Herbert Koppel, Eve kaj John Matasin, Ken Linton, Tiny Goldsmith, Ralph Harry en la lasta vico, kaj, mi pensas, Ivan Maddern? Ĉu eble Ray Ross ankaŭ en la plej lasta vico?



Kaj, vi forigis la krokodilon! Bone farita. Vera

## 3ZZZ esperanto radio kaj "Flugi kun kakatuoj"

En la 1980aj jaroj dank 'al la verko de Peter Read fariĝis konata la problemo de la "Ŝtelita generacio" ( Stolen Generation). Nun ŝajnas ke la historio de Aŭstralio fariĝas pli bone konata dank'al la libro de Noel Beddoe "The Yalda crossing" kaj ankaŭ de Trevor Steele "Flugi kun kakatuoj". Ambaŭ montras ke la aborigenoj ne tiom facile lasis la britojn invadi sian landon.
Ni elektis disaŭdigi ĉapitron de la verko de Trevor Steele ĉiun lundon de la 30a de julio ĝis la 10a de septembro. La legado estis registrita en Adelajdo kun la voĉoj de Katja Steele, Trevor Steele, Sandor Horvath, Bob Felby kaj Franciska Toubale. La celo estas disvastigi esperantan literaturon en Aŭstralio kaj diskonigi la historion de tiu lando.
Se vi loĝas en Melburno vi povas aŭskulti lundon de la 1a ĝis la 2a posttagmeze je 92.3 FM
De ie ajn en la mondo eblas aŭskulti dum la semajno kiam la programo estis elsendita je http://www.3zzz.com.au/ aŭ iam ajn en la arkivigejo www.melburno.org.au.
Se la elsendoj plaĉis al vi kaj vi ŝatus aŭdi pli el tiaj elsendoj, subtenu la radion membriĝante al ĝi . Por tion fari iru al la retejo http://www.3zzz.com.au/ elektu "Get involved" kaj "membership" por elŝuti la formularon .
La kosto estas $15 jare aŭ $10 se vi estas emerito.
Esperante ke vi aprezos la elsendojn, mi deziras al vi ĝojan aŭskultadon,
Franciska Toubale



Karaj,
Kiel multaj el vi memoros **David Astle** partoprenis nian kongreson en Brisbano por povi verki artikolon pri Esperanto por la "Smith journal". La artikolo aperos plej verŝajne en la somera eldono post 2-3 monatoj. Krome post unu jaro aperos nova libro **The Great Clue Chase** verkita de David Astle kaj ĝi enhavos "a delicious Esperanto story" laŭ la vortoj de David.

Amike, Nicole

# LETEROJ IOM LONGAJ

Pli ol duona paĝo

## Komentoj pri la vortoj de Peter Danzer (AE80)

Peter skribas, ke ni akceptu la decidojn de la plejmulto. Ĉu tio signifas, ke ni devas akcepti militservi, se la plej multaj akceptas tion? Kiam la plejmulto en la usona registaro decidis komenci militon, ĉu ni devas respekti tiun decidon cele al harmonio? Peter skribas, ke finfine la ĝusta decido

estos farita. Sed ofte multe tro malfrue. Kiom da personoj mortis pro la decidoj de Usono militi? Se malĝusta decido estas farita necesas protesti tuj.

Ĉu mi bone komprenis, ke Peter volas subteni la nunan estraron kion ajn ĝi decidos fari? Laŭ mi tio estas danĝera sinteno. Ni ne scias tion, kion la estraro decidos. Nu ni povas esperi, ke ili faros tre saĝajn decidojn, sed oni neniam scias.  Tia sinteno kaŭzas problemojn, ekzemple kiam antaŭ kelkaj jaroj la AEA estraro voĉdonis, ke ili ne akceptos la renovigon de la membriĝo de Marcel. Ŝajne preskaŭ ĉiuj blinde fidis la estraron. Tia lojaleco ne estas bona por la movado.

Finfine gravos la decidoj kaj ne la maniero laŭ kiu personoj esprimis sin. Do mi pensas, ke ni devus multe pli zorgi pri la enhavo de decidoj ol pri la fakto ke iuj esperantistoj emociiĝas. En Hobarto ŝajne la membroj atentis pri la maniero laŭ kiu Franciska esprimis sin anstataŭ ol atenti pri multe pli grava afero: la enhavo de ŝiaj komentoj, la kialoj de ŝia kolero. Ne ĉiuj kapablas esprimi sin en la plej perfekta maniero, sed tio ne tiom gravas, ne estas kialo ignori tion kion ili diris, nur ĉar ili ne sukcesis perfekte esprimi sin. Jes Peter, ni ne estas perfektaj, do ni ne juĝu personojn laŭ la maniero laŭ kiu ili esprimas sin. Ŝajnas al mi, ke vi multe tro rapide juĝas iujn personojn malmaturaj, egoistaj. Bonvolu pli atenti kial ili emociiĝas, kial ili koleras. La maniero esprimi sin ja iom gravas, sed tamen ĝi tute ne estas la plej grava afero. La plej grava afero estas aŭskulti la enhavon de tio kio estas dirita. Se oni ignoras la enhavon ĉar la maniero diri ne estis perfekta, ni eraras laŭ mi. Kaj por la Esperanto movado  plej gravas la decidoj, do ni atente rigardu la enhavon de la decidoj sen perdi tro da tempo kritikante la personojn kiuj ne esprimas sin en la plej lerta maniero.

Amike, Nicole

## Dankletero de Diano    Brisbana Kongreso

## Salutaj petoj por la urbo Lublino, Pollando



Karaj Geamikoj,

Salutojn! Unue mi ankaŭ volas danki Linda kaj Petro Danzer pro iliaj ĝentilaj, saĝaj kaj dankemaj vortoj pro la Aŭstralia Esperanto-Kunveno, 2012.  Efektive, ili mem ankaŭ multe kontribuis, prizorgis la gastojn tie.  Mi ankaŭ dankas la aliajn Kvinslandanojn, kiuj ankaŭ multe helpis.  Kiel mi jam diris ĉe la Jarkunveno, mi dankas ĉiujn, kiuj vojaĝis longajn distancojn por ĉeesti la Kongreson.

Kiam ni ĉiuj, kiel Aŭstralianoj sentas, ke ni ja estas Mondaj Civitanoj, ĉar Aŭstralio gajnis lokon en la Sekureca Konsilio de la Unuiĝintaj Nacioj, tiam estus bona tempo por ke ni, kiel Esperantistoj nun agu internacie. Mi proponas ke ni ĉiuj tra Aŭstralio respondos al la suba peto el Eŭropo.  Se vi ne havas eblecon por sendi karton, tiam vi povus sendi retmesaĝon al ili ĉe: lubelski.klub.esperanto@interia.pl




"Estimataj gesamideanoj!
Korajn salutojn el Pollando sendas Stanislao Pilat, 47-jara esperantisto el Lublin.
En Lublino agas E-Klubo / www.lublino.pl /. Ni planas prezenti en nia urbo E-movadon kaj montri, ke esperantistoj estas ĉie en la mondo.
Pro tio mia peto...Bonvolu sendi bildkarton /kun nomo de via urbo/ kun salutoj al la urbo Lublino. Mi anticipe dankas...Mi tre ĝojos, se Vi bonvolos helpi...Per kio mi povas reciproki?

La adreso estas jena:
Esperanto-Klubo, MDK nr 2, ul. Bernardynska 14a, PL-20-950 Lublin Pollando.
Kun amika saluto, Stanislao Pilat"

Amikajn bondezirojn, Diano

## Komentoj pri leteroj en AE 81 Franciska Toubale

Jen propono mia:
Kelkaj homoj profitis de la reago de la gesinjoroj Danzer por sin esprimi, kio estas bona. **Dialogo, komunikado**, kiu spegulas la movon de la vivo, **ĉiam preferindas al morta silento.** (grasaj literoj aldonitaj de la provleganto)
Tamen senkulpigi sin kulpigante la aliajn per kvazaŭ proverbo kiel faris Jennifer Bishop ne estas fruktodona. La homaj rilatoj estas kompleksaj. Ĉiu proverbo havas respondan proverbon kun mala senco ekzemple Tia patro, tia filo/ Al avara patro, malŝparema filo.
Mi preferas facilan aliron al informado ol strebego ĝin trovi sen garantio de sukceso.
Ĉu la membroj, kiuj aliĝis al AEA antaŭ nelonge scias ke dum la unua sesio de la jarkunveno de AEA en januaro 2007 staris du gardistoj pri sekureco de la universitato de Hobart ambaŭ flanke de la pordo de la salono ? Ĉu ili scias kial?
Ĝojigas min la decido de Roger Springer ne plu elsendi tekstojn en la angla krom en ekstrema kazo.
Esperanto estas la baza, fundamenta kialo, kiu kunligas esperantistojn. Se oni preferas uzi la anglan por komuniki kial fariĝi esperantisto? Ĉu ne estas kontraŭdiro inter la deklarita intenco kaj la realo? Kiam "esperantistoj" preferas uzi la anglan kun mi mi sentas min iel trompita.
Franciska Toubale




Ne estos Aŭstralia somerlernejo dum januaro 2013. Estos Bonkora Kongreso 17-21 Januaro 2012 en Melburno. Pliaj informoj venos.